# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 403

Redakto-skipo
Direktado kaj kompostado: Ángel Arquillos López
Revizio: Alejandro Pareja

Retadreso de la bulteno:
bulteno@esperanto.es
*Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj
* La redakcio rajtas rifuzi nepetitajn artikolojn
*Republikado de enhavo nur permesita kun permeso de la redakcio aŭ de la aŭtoro

**Hispana Esperanto Federacio**
***Federación Española de Esperanto***

Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Bankokonto BBVA: 0182-1252-31-0204011961

Telefono: (34) 914468079 (bv. Lasi mesaĝon en la aŭtomata respondilo)
Poŝtelefono: 638-547-104



Presejo: Gráficas Aurora, Zaragoza
DL: M-39811-2012

# Salutvortoj

Post mia sperto en la UK de Rejkjaviko, ĉeesti naciajn aŭ regionajn kongresojn ŝajnas al mi strange, kvankam ĉiam bona afero, ĉar ne temas pri amaso da homoj, sed pri renkontiĝo kun gesamideanoj, kiuj partoprenas aŭ simple ĉeestas por praktikado de la lingvo kaj travivado de novaj emocioj. Ĉi jare por mi ne estis sufiĉe partopreni la Universalan Kongreson kiel reprezentanto de HEF malantaŭ tablo kun propragando pri nia Federacio akompanata de Rafaela Urueña, kiu ĉiam propragandas pri “Juro Internacia”, kaj pri venontaj kongresoj okazontaj en nia lando kiel la Andaluza kaj la Hispana, kiuj okazos samtempe en la arta urbo Arundo (Malago). Mi ankaŭ havis la okazon saluti nome de Hispanio antaŭ pli ol mil homoj kaj ĉeesti kunsidojn de UEA, kie mi rajtis voĉdoni kaj opinii pri la Movado en la mondo. Estas klare ke mi profitis la tempon kaj mi pretas ripeti la aferon venontjare en Bonaero, kun permeso de la sano, kompreneble. Kaj por fini la aventuron, mi kuraĝis partopreni la internacian SAT kongreson, okazinta en Madrido, kie mi deklamis mian poemon “La blanka papero” ene de la spektaklo de Miguel Fernández “Vivu la Teatro”, kiu ripetiĝos venontjare dum nia nacia kongreso kun novaj partoprenantoj. Ĉi foje, nia Boletín ofertas al vi tre valorajn kunlaboraĵojn ĉefe pri kongresoj kaj poezio.

Ĝuu la legadon.

La Redaktoro

# Enhavo



Ĉefkovrilo: Ponto Nova (Arundo)

---

## *Madrida Esperanto-Liceo dizajnis kaj vendas novan t-ĉemizon pri Esperanto*

La nova t-ĉemizo, el kotono, disponeblas en kvar diversaj grandoj: S, M, L, XL.
Prezo: 7 €. Demandu pri rabato pro amasa mendo.
Vidu bildon pri ĝi sur la post-kovrilo.

# ORDINARA ĜENERALA KUNVENO

La 5an de majo 2013 je la 11:30 horo (dua alvoko) okazis la Ordinara Ĝenerala Kunveno en la Hotelo "Goya" (strato "5 de marzo") de Zaragozo. Ĉeestis la estraranoj: Eduardo Berdor (voĉdonanto), Félix Manuel Jiménez (Sekretario), Ángel Arquillos (vicprezidanto) kaj José A. del Barrio (Prezidanto), kiu prezidis la kunvenon. Partoprenis ankaŭ 36 individuaj anoj (el kies 3 reprezentataj) kaj 6 kolektivaj membroj (Frateco, Kantabra E-Asocio, Bilbao Esperanto Grupo, Barcelona E-Centro, Andaluza E-Unuiĝo, kaj Madrida E-liceo) reprezentataj de ses el la ĉeestantaj individuaj membroj, entute 42 partoprenantoj. La sesio disvolviĝis laŭ la jena tagordo:

1.- Legado kaj aprobo de la protokolon de la antaŭa kunveno (29 aprilo 2012).

Oni aprobis unuanimece la protokolon de la antaŭa kunveno.

2.- Aprobo de la kontoj kaj kas-stato de 2012.

La kontoj, prezentitaj en la Boletín n-ro 401, estis aprobitaj unuanimece.

3.- Aprobo de la Raporto pri aktivaĵoj de 2012.

La raporto, prezentita en la Boletín n-ro 401, estis aprobita unuanimece.

4.- Informo pri la anaro:

Aniĝantaj je la dato 31a decembro 2012 (maksimume ŝuldas du jarkotizojn):

Individuaj (OM, DM, PM kaj HM): 154 (el kiuj 7 apartenas al la junulara sekcio HEJS)

Kolektivaj: 13
**ENTUTE: 167**

La Sekretario rimarkas, ke la numero da anoj ŝajnas stabiliĝi post kelkaj jaroj de relative granda malkresko.

La Prezidanto profitas la okazon por instigi la varbadon, kiu devas esti instigata de la anoj kaj la asocioj.

La ano Miguel Gutiérrez proponas krei la figuron de "apoganto", ulo, kiu ne volas aparteni al HEF sed donas monon al ĝi.

La Prezidanto komentas, ke la rilato kun la asocioj ne glatas kaj la kulpo estas de la du flankoj. HEF devas peti informojn al la asocioj, sed asocioj devas sendi al HEF informojn pri iliaj aktivaĵoj.

La reprezentanto de Barcelona Esperanto-Centro petas kunlaboradon inter la bultenoj de la asocioj kaj tiu de HEF.

Miguel Gutiérrez konscias pri la laboro de la eldonado kaj li petas al la ĉeestantoj sendi jam skribitajn la novaĵojn, tial ke la eldonanto en devos retajpi ilin.

Luis Hernández demandas, ĉu ne ekzistas specialan formaton por sendi la kunlaboraĵojn?

5.- Projekto 2013.

La Prezidanto petas fari malferman proponon pri la "Projekto 2013" por ke la ĉeestantoj parolu pli ol la Estraro.

UEA ĵus kreis la kampanjon "Justa Komunikado" kaj La Prezidanto demandas ĉu ĝi taŭgas por la agado dum 2013.

Iu ano proponas ke, ĉar multaj junaj hispanoj enmigras en Germanion, oni povas proponi al ili kontakti kun la lokaj esperantistoj por faciligi la integrigon en la lando.

La Prezidanto memorigas al la anaron la Panelojn por ekspozicii: la lokaj asocioj povas peti ilin por munti ekspozicion. Sed estas la loka grupo kiu devas zorgi por la serĉado de taŭgan ekspoziciejon kaj munti ĝin. HEF pagas la koston de la sendado de la paneloj tien kaj reen.

Kani (José Mª Salguero) komentas pri la afero de la malalta nombroj da junuloj en HEF: li jam kunportis junulojn en kongresojn almenaŭ dufoje, kaj laŭ sia sperto estas, ke finfine ili restas solaj kaj apartaj ĉar ne estas aliaj junuloj, eĉ ne lokaj. Do, li jam ne emas fari tion. Manolo Parra memoras, ke inter la 21a kaj la 23a de junio junuloj el Oliva (Valencio) preparas renkontiĝon**.**

Pri reta agado kaj Bitoteko: La prezidanto informas, ke oni kreos novajn servojn en la retpaĝo de HEF, ekzemple spacon por la lasta n-ro de "Boletín" antaŭ la apero de la papera versio (alirebla per pasvorto nur por anoj). Ankaŭ aperos la bitigado de "Don Kiĥoto".

Eldonaĵoj: Manolo Pancorbo komentas, ke la apero de la libro de poezio de Miguel Fernández (eldonota de SATeH) oni povos prezenti multfoje ĉar temas pri multaj aŭtoroj.

Rosa López plendas, ke en la programo kutime ne partoprenas virinoj, ŝi petas instigi la partoprenon de virinoj.

Oni memoras al la anaron, ke HEF havas materialon por amaskomunikiloj, do la anoj kaj asocioj povas peti kaj uzi ĝin.

6.- Kotizoj por la jaro 2014.

La Prezidanto proponas krei novan malaltan kotizon por junuloj kaj senlaboruloj: 20 € po jaro ekde 2014. Luis Hernández demandas kiel kontrolos tion? Oni balotas la proponon, 1 ano kontraŭas, 2 anoj sindetenas, kaj la aliaj (39) favoras, do la propono estas aprobita.

7.- Aprobo de la Buĝeto por 2013.

La Buĝeto, prezentita en la Boletín n-ro 401, estis aprobita unuanimece.

8.- Sugestoj kaj demandoj.

Kongreso 2014: Oni proponas Arundo (Ronda) en Malago.

Barcelona Esperanto-Centro demandas kiamaniere prezenti HEF en konkretaj kongresoj. La Prezidanto respondas: HEF estas membro de UEA, se iu HEF-ano partoprenas en iu eksterhispana kongreso, ŝi/li rajtas saluti nome de HEF. Luis Hernández proponas elekti konkretajn homojn por reprezenti HEF en UK kaze, ke partoprenu pli ol unu. Rafaela Urueña sugestas esplori okazigi la Hispanan Kongreson pli frue en la jaro por havi pli da tempo por elekti tiujn reprezentantojn.

Kunordigado de la kursoj: La Prezidanto petas kontakti kun la estrarano kiu zorgas pri ĝi, Eduardo Berdor, kaj sendi al li informon pri kursoj.

ILEI: La Prezidanto proponas krei fakon de HEF kiel ILEI-sekcio en Hispanio, pli facila ol krei apartan asocion.

Sen pli da aferoj por pritrakti, finas la kunvenon je la 12:30 horo.

| | |
|---|---|
| La Prezidanto, | La Sekretario, |
| José Antonio del Barrio | Félix M. Jiménez |

# KUNVENOJ DE LA ESTRARO DE HEF

Post la Ĝenerala Kunveno de HEF, dum la Hispana Kongreso, la estraro kunvenis dufoje, kaj estis en kontakto per la reto dum la cetera tempo.

En la kunveno de la 9-a de junio, malferma por ĉiuj HEF-anoj, estis aprobita la propono okazigi la venontan Hispanan Kongreson de Esperanto en Arundo (Ronda) de la 1-a ĝis la 4-a de majo 2014, kiel oni informis en la pasinta numero de Boletín.

Estis krome diversaj informoj kaj decidoj pri la retejo kaj pri Bitoteko. Miguel Ángel kaj Juan faris fortan laboron por renovigi la teknikan situacion de la retejo. La estraro aprobis la translokigon al nova servilo, kaj ankaŭ ŝanĝon de la aspekto de la paĝaro, per novaj ŝablonoj, pri profesiaj. Oni studos la eblecon krei internan spacon en la servilo.

La nova servilo ebligos pli potence labori super Bitoteko, kiu dum la lastaj semajnoj devis halti pro kompletigo de la disponebla spaco. Oni faras alvokon por plua kunlaborado en tiuj laboroj.

HEF estis invitita partopreni en la Movada Foiro kiun oni organizas dum la Universala Kongreso, kaj la estraro akceptis. Legu raporton en aparta artikolo de la bulteno.

La estraro aprobis ke HEF kunlaboru en la celebrado de la Kongreso de SAT kiu estis disvolviĝonta en Madrido. HEF disponigos la panelojn por ekspozicio antaŭ kaj dum la kongreso, diskonigos la eventon, kaj kunlaboros en aliaj taskoj kiujn la organizantoj petos.

La 15-an de septembro okazis nova kunveno. Oni informis pri la disvolvo de la kurantaj aferoj, inter kiuj la pretigado de la Kongreso.

Oni studis la reprezentadon en la Komitato de UEA, la rilatojn kun Eŭropa Esperanto-Unuiĝo, kaj la demarŝojn por krei hispanan sekcion de ILEI.

Oni informis ankaŭ pri la marŝo de la ŝanĝoj en la retejo (pri kiuj oni informas aparte). Pri Bitoteko, oni informas ke EUROPEANA invitis al HEF partopreni en ĝeneralan kunvenon en Roterdamo venontjare; la estraro aprobas la partoprenon de reprezentanto en ĝi, se tio montriĝos oportuna post studo de la kondiĉoj, des pli ke en tiu urbo troviĝas la sidejo de UEA.

Oni aprobis fari specialan penon por la diskonigo de Esperanto en mezlernejoj kaj universitatoj, kaj intensigi la klopodojn rilate al instruado. HEF proponos al lernejoj la uzon de la paneloj por ekspozicio, tute senkoste. Oni deziras havi liston de kursoj, kaj eventuale krei aliajn rimedojn por instruado. Ni ankaŭ esploros pri ebla okazigo denove en Hispanio de KER-ekzamenoj. Ĝenerale la estraro faras alvokon al grupoj kaj aktivuloj por kunordigi kaj intensigo la agadojn en tiu ĉi kampo.

HEF

# NOVAĴOJ PRI HEF

Dum tiu ĉi periodo okazas grava renovigado de la retejo de Hispana Esperanto-Federacio http://www.esperanto.es/

Dum la somero okazis ŝanĝo de servilo kiu donas multe pli da enhaveblecoj, kaj ankaŭ pli rekta mastrumado. Meze de septembro estis aktualigita la aspekto, per nova ŝablono, kiuj interalie glatigos la navigadon, sed ĉefe taŭgas por aliro per lerttelefonoj kaj tabulkomputiloj, ĉar ĝi ebligas tute adaptitan rigardon per tiuj iloj.

Kiam Boletín alvenos al vi espereble vi trovos aliajn grandajn novaĵojn pri kiuj la skipo jam laboras. Inter alie, ni planas la plurlingvigon de la retejo, kreadon de interna spaco por membroj, kaj la baldaŭan aperon de novaĵletero de HEF.

La renovigo nur eblas per la granda laboro de nia porreta skipo, kunordigata de Miguel Ángel Sancho, al kiuj la estraro de HEF volas danki publike.

## EN "LA VANGUARDIA"

La suplementa revuo "ES" de la ĵurnalo "La Vanguardia" de la 17-a de aŭgusto dediĉis raporton al inventitaj lingvoj. eĉ se la raporto donis specialan atenton al tiuj kreitaj kun literaturaj aŭ filmaj celoj, ili aperigis informojn ankaŭ pri Esperanto, kun komentoj de la prezidanto de HEF pri la celoj kaj ecoj de la internacia lingvo.

## EKSPOZICIOJ PRI ESPERANTO

Dum julio eblis viziti la ekspozicion "Esperanto, lengua y cultura" samtempe en du lokoj en Madrido: dum la tuta monato en biblioteko José Hierro, strato Rafaela Ybarra, kvartalo Usera, kaj dum la dua duono de julio kaj komenco de aŭgusto en la restadejo Colegio Mayor Chaminade, Ciudad Universitaria, apud la metrohaltejo Metropolitano, iom antaŭ kaj koincide kun la kongreso de SAT.




Memoru ke la paneloj estas je la dispono de ĉiuj grupoj kaj aktivuloj de Hispanio, kiuj povas proponi la ekspozicion al kulturcentroj, lernejoj kaj ĉiu ajn interesita organizaĵo.

# TRE PROVIZORA PROGRAMO

POR LA 73-A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO KAJ LA 18-A ANDALUZIA KONGRESO OKAZONTAJ EN LA URBO ARUNDO (RONDA) HISPANIO, DE LA 1-A ĜIS LA 4-A DE MAJO 2014

Ni okazigos:

Ekspozicion pri andaluza literaturo en esperanto.

Filatelan ekspozicion pri la Internacia Lingvo sur poŝt-markoj

Muzikon pri esperanto kaj flamenko kaj la malpli konata muziko el Al-Ándalus

Prelegon pri la historio de Arundo.

Flamenka kanto Ivan Centenillo, kiu ankaŭ interpretos en Esperanto.

Gvidatan promenadon tra la historia urbo kie ni vizitos antikvajn kirkojn, palacojn, muzeojn kaj la senkomparan pejzaĵon el la balkonaro kaj Ponto Nova, ktp.

Natur-aktivaĵoj por ĉiuj kiuj kuraĝos koni la belecojn de la rura zono per pad-marŝado. (konfirmota)

Diversajn prelegojn faritaj de elstaraj esperantistoj de la Ibera Skolo, kaj se eblas ni gastigos kelkajn esperantistojn el la norda Afriko por koni la situacion d la internacia lingvo, politiko, ktp. en tiu parto de la afrika kontinento.

Kompreneble temas pri tre provizora programero, sed esence tio estas nia ideo kaj ni jam laboras por realigi la eventon.

En ĉi urbo estas tre facile trovi malmultekostajn hotelojn kaj ne estas longaj distancoj por alveni en la centron. Ne estas necese zorgi pri aŭtomobilo, ĉar oni povas ri piede ie ajn.

La vetero en la monato majo estas tre agrabla en Ronda. Ĝis revid .

angelarquillos@gmail.com\ andaluciaesperanto@blogpost.com\ E peranto14@ono.com

# ALIĜILO

73-a HISPANA ESPERANTO-KONGRESO
kaj 18-a Andaluzia Kongreso RONDA
de la 1-a ĝis la 4-a de majo 2014

*Plenumu tiun ĉi aliĝilon, kaj komuniku ĝin al la asocio AEU en Malago. Oni povas sendi ĝin (aŭ simple la datenojn) per e-mesaĝo al kongreso@esperanto.es aŭ al fizika adreso de la asocio: Asociación Andaluza de Esperanto AEU Calle Ánfora, 6-5-D 29013-Málaga (Hispanio)*

PERSONA NOMO ......................................FAMILIA(J) NOMO (J)........................................................
ADRESO ..........................................................................................................................
URBO...................................................(........................................)
LANDO.......................................
RETADRESO.................................................................................................................
TELEFONNUMERO(J) ..............................................................................
MEMBRO DE HEF Jes Ne NASKIĜDATO ........................ (nedevige, nur por statistiko aŭ rabato)
ALIAJ RABATOJ...................................
DATO DE PAGO.............................. MANIERO DE PAGO...............................................
KOTIZO...................................................................
ALIAJ.......................................................................
DONACO.................................................................
SUMO......................................................................

| KOTIZOJ | Aliĝo ĝis la 31-a de januaro | De la 1-a de februaro ĝis la 31-a de marto | Post la 31-a de marto kaj surloka aliĝo |
|---|---|---|---|
| Membroj de HEF aŭ AEU | 35 | 45 | 55 |
| Ne membroj de HEF | 45 | 55 | 65 |
| Juna membro de HEF (malpli ol 30) (2) | 25 | 35 | 45 |
| Junulo nemembranta en HEF (malpli ol 30) | 30 | 40 | 50 |

*Pagu la kotizon en jena bankokonto indikante la tekston "Kongreso" kaj vian nomon en la bankokonto: 2031 0225 54 0100187657 Caja General de Ahorros de Granada (se vi estas en Hispanio)*
*Por pagi eksterlande bv. uzi jenan kodon: IBAN ES80 0487 3225 1420 0000 6979 //SWIFT/ BIC : GBMNESMMXXX*
*(1) La efektiva dato estos tiu de ricevo de pago.*
*(2) Sama rabato estas aplikebla al lernantoj de Esperanto ĉeestantaj kursojn organizitajn de grupoj aligitaj al HEF aŭ AEU, komenciĝintajn inter septembro 2013 kaj aprilo 2014.*

# MIA ITALA KONGRESO (unua parto)

Mi povus priskribi la Italan Kongreson laŭ tute objektiva vidpunkto, priskribante ĉiujn atelierojn kaj programerojn. Tamen, mi nur parolos pri la itala kongreso, kiun mi spertis.


Castellaro Golf Resort

Mi decidis partopreni en tiu kongreso pro pluraj kialoj. Unue, ĝi okazis en la komenco de aŭgusto (de la 2a ĝis la 10a), kiuj estis la plej taŭgaj datoj por mi por somerumi. Due, la alia grava renkontiĝo kiu estis organizata dum tiuj tagoj estis la IJS en Hungario. Mi preferis Italion fine ĉar mi studadis la italan lingvon kaj devos trapasi ekzamenon pri ĝi komence de septembro, pli specife pri la parola parto. Mi pensis, ke ne nur mi povos praktiki tiun lingvon antaŭ kaj post la kongreso, sed ankaŭ dume, ĉar kelkfoje en internaciaj etosoj okazas kokodrilaj ĉambroj aŭ lingvaj interŝanĝoj. Fakte, ne estis multe da kokodrilado, sed mi profitis ĉiujn okazojn por esti proksima al la itala junularo, kiu foje parolis itale se estis nur italoj en ĝiaj rondoj aŭ cirkaŭ ili.



Kimo kun Bea sursceneje

Mi planis viziti Torinon antaŭ la kongreso kaj tiu vizito efektiviĝis, sed tio estas ja alia afero. Mi alvenis al la hotela kongresejo, situanta unu kilometron for de vilaĝo Kastelaro (Castellaro en la itala) per trajno el Trorino ĝis Taggia Anna, proksime al Sanremo, kaj poste per buseto, kiun la hotelo provizis por kongresaj alvenantoj plurfoje dum tiu tago. Tiam mi renkonsis la simpatian Flaman, kiu estis ne nur la unua azia esperantistino, kin mi ekkonis, sed ankaŭ la unua vjetnamo.

## La koncertoj


Kapriol' provludas

Koncertojn en Esperanto ĉiuvespere oni oferis al la publiko. Ili estis libere alireblaj ankaŭ por la ekstera publiko kiam la muzikistoj ludis en la vilaĝa placo (kvartage dum la kongreso), por ke la lokanoj povu rimarki mem, ke Esperanto estas ilo taŭga por muziko. Ĉiu kongresano povis trovi ion por sia gusto. Bedaŭrinde por kelkaj la vilaĝo estis iom for por atingi ĝin piede, ĉar ne nur temis pri distanca problemo, sed ankaŭ pri supreniranta deklivo, kiu estis defio se oni estis tro multe vespermanĝinta.

La unua koncertanto estis Kimo, kiun oni jam povis aŭskulti en la Hispana Kongreso de 2011 en San Lorenzo de El Escorial. Li estis sufiĉe amuziga kaj danciga, sed mi devas agnoski, ke ties sonkvalito ne elstaris, ĉefe pro tio, ke la sono estis tro mallaŭta, kaj la sursceneja besto, kiu estas li tro mildiĝis. Akompanis lin ĉarma dancanta infano, ĉar ŝi emis danci. Ne povis manki liaj famaj kantoj "Tute ne gravas" kaj "Sola".



Kim kaj Gijom'

La morgaŭon Guillaume Armide, alinome Gijom' prezentis sin antaŭ la vilaĝanoj kaj kongresanoj. Plaĉis al mi pli ol mi esperis. Li ludis klavaron kaj kantis per bela voĉo proprajn kantojn kaj versiojn de francaj kaj italaj artistoj, kiel « La nereĝojigeblulo »-n, kaj la "adagio"-n de Albinoni laŭ versio de Lara Fabian. Mi aparte memoras esperantigitan kanton de Michel Berger, kies titolon malfeliĉe mi ne memoras. Elstaris ankaŭ kanto fare de Michel Jonasz. Li sukcesis gajni la atenton de la publiko per interesaj prezentoj de la kantoj antaŭ ol ludi ilin, eĉ en la itala. M. B. Mandirola ĉiam pretis iri surscenejen por traduki liajn vortojn, italen aŭ Esperanten. Se mi devis kritiki ion, mi nur dirus, ke la publiko devis esti tro atenta por sekvi intense kelkajn kantojn, kiuj iĝis tro longaj. Nudpiede kaj emociiĝe li finis sian koncerton je la nivelo de la ĉeestantaro (li subeniris el la scenejo) per belega kanto de la belga kantisto Jacques Brel nomata "Amsterdam". Kimo akompanis lin per sia eterne surbrusta akordeono.

Mardon estis la vico de Manŭel (Rovere). Verŝajne multaj kongresanoj petis, ke almenaŭ tiu ĉi koncerto okazu en la granda salono de la kongresejo, kaj ne en la vilaĝo, por ke pli da homoj povu spekti ĝin. Manŭel interpretas famegajn amkantojn kaj melodiojn el Italio kaj aliaj landoj, kiujn li mem Esperantigis, kiel "Bésame mucho". Plej sincere, li ne kortuŝas min... sed li ŝajnas havi entuziasmulojn ĉie, ĉefe inter la malnovaj italaj kaj la rusaj Esperantistoj.
La semajno plu antaŭeniris kaj alvenis post teatraĵo la interveno de Georgo Handzlik. Li estis la ofta bonkora, bonhumora (kaj bonhumura) homo, kiun oni esperis. Li amuzis nin per kantoj, ne sufiĉe multaj laŭ mi, kiel "Dek klubanoj", "Fok" kaj la kanto pri fivortoj, kiu tiom ridigas min... Mi ne sciis, ĉu ĝi havas precizan titolon.

Enmanuel Rovere

Jam ĵaŭdon venis kaj kun ĝi S-ino Balboni. Ŝi estas italino, kiu tute ne scipovas Esperanton. Sed ŝi kuraĝe pretis poemece kaj "JoanBaezeme" kantojn mikse en Esperanto kaj en la itala, inter ili multaj de nelonge forpasinta Fabrizio De André, kant-aŭtoro el Ĝenovo, tre estimata de italoj. Cetere, ŝi kantis du hispanlingvajn kantojn, kiuj kortuŝis min: "Gracias a la vida" de Violeta Parra kaj “Todo cambia” de Mercedes Sosa.
Kaj fine por la adiaŭoj ni "Kapriolis", denove en la vilaĝa placo, post paroladoj de la urbestro... kaj de la vicurbestrino, kiu lerte montris la progresojn, kiujn ŝi faris post dumsemajna ĉeesto en kurseto de Esperanto por komencantoj. Kapriol' estas nederlanda bando el regiono Frislando. Konsistas ĝi el kvar anoj, du virinoj kaj du viroj. Tiuj virinoj estis membroj de unu la plej gravaj muzikistaroj de nia historio: Kajto. Impresis min aparte nudvoĉa marista kanto en la nederlanda pri ŝipvela hisado. Krome, ili dancigis nin, ĉar dum la posttagmezo ili okazigis atelieron pri folkaj dancoj. Ili estas bonegaj ludistoj kaj kantistoj. Ili sukcese translokigis nin al nederlanda etoso, ni sentis la arbarojn, la lagojn kaj la bestojn.


Statuo de Mike Buongiorno

Daŭrigota kaj legota! Venontfoje mi parolos pri la prelegoj, la ekskursoj kaj la junularaj noktoj!

**Eduardo Berdor**

daŭrigota

# DOKTORIĜO PRI LA HISPANA LINGVO KUN TEMO RILATA AL ESPERANTO

Maciej Jaskot

La pola esperantisto Maciej Jaskot ĵus doktoriĝis pri hispana filologio en la Varsovia Universitato per disertaĵo kun temo "La tiel nomataj falsaj amikoj de la tradukisto inter la hispana kaj Esperanto".

La prezento okazis la 3-an de septembro en la fako pri nuntempaj lingvoj de la Varsovia Universitato. La prizorganto estis profesoro Jacek Perlin, specialisto pri la hispana lingvo kaj sciencajn komentariojn verkis profesorino Jadwiga Linde-Usiekniewicz el la Varsovia Universitato kaj profesoro Jacek Pleciński el la Vroclava Filologia Altlernejo.

Maciej estas konata al multaj hispanaj esperantistoj pro sia longtempa kunlaboro en Pola Radio, sia studado en Granado kaj sia partopreno en esperantistaj aranĝoj, inter kiuj la 15a Andaluzia Esperanto-kongreso en 2010.

Resumo

Tiu ĉi disertaĵo ekestas de la intereso de la aŭtoro rilate al leksikaj fenomenoj observeblaj inter similaj lingvoj. Unu el la ĉefaj celoj de la esploro estis pretigi vortaron de falsaj amikoj inter esperanto kaj la hispana.

La metodo de la prilaboro de la vortaro estas baza. Estis selektitaj esperantaj vortoj, kiuj laŭ la aŭtoro, pro siaj grafika aŭ akustika formo, povas konfuzigi parolanton de la hispana. La aŭtoro estas konscia, ke la proponita elekto koncernas *eblajn* falsajn amikojn pro tio, ke oni disponas pri neniaj studoj povantaj konfirmi kiom ofte repetiĝas la misutiligo de iu esperanta vorto uzita kun hispandevena signifo. Tamen, la aŭtoro konsideras, ke la vortokonsisto de la vortaro povas helpi eviti erarojn kaj esti utila ilo por ĉiuj dezirantaj plibonigi sian lingvokapablon de Esperanto.

La disertaĵo konsistas el kvar ĉapitroj:

La unua prezentas superrigardon de planlingvoj kaj Esperanto mem kaj celas pruvi ke la lingvo de Doktoro Zamenhof estas plene evoluinta lingvosistemo, kiu dank'al sia karaktero *a posteriori*, enkorpiginte gramatikajn solvojn de aliaj naciaj lingvoj, povas esti komparata kun la hispana.

La dua ĉapitro traktas la fenomenon de falsaj amikoj de la tradukisto prezentante koncize diversajn klasifikoproponojn de tiaj vortoj kaj ilian funkciadon en la lingva sistemo.

En la tria ĉapitro oni parolas pri la redaktado de unulingva vortaro de Esperanto kaj pri la klasifiko de falsaj amikoj elektita de la aŭtoro.

En la kvara, kaj lasta, ĉapitro oni prezentis la konkludojn de la traktita temo.

Fine, troveblas la vortaro de falsaj amikoj kaj du apendicoj: unu kun la teksto de la "Fundamento de Esperanto" kaj la alia, kun la teksto de la rezolucioj de UNESKO pri la lingvo Esperanto.

# POEZIA ANGULO

## La dek-unuan de septembro

**Jorge Camacho**

La dek-unuan de septembro
hetmanoj kaj magnatoj, usonaj demokratoj
la popolon perfidis.

La dek-unuan de septembro
la perfidon sekvis murdoj sekvis krimoj
ĉiaj, ĉieaj, po-mile.

La dek-unuan de septembro
la perfido naskis longajn 16 jarojn
orajn por unuj, sangajn por ĉiuj.

La dek-unuan de septembro
en Ĉilio,
1973.

[el la poemaro *En la profundo*]




Sabina kaj Serrat

En la okupata tero palestina,
por la okupanta israela ŝtat'
du hispanoj koncertas
– Sabina kaj Serrat.

Serrat, la kataluna bardo iam ruĝa,
nun kun voĉ' de kaprino afonia.

Sabina, ĝisoscede rimoza kaj senvoĉa,
zelota fan' de l' regno samaria.

Ili venis kanti por mojosaj geamikoj,
senkulpaj, senpartiaj,
venis balzami per la vorto "paco"
orelojn letargiajn.

En la okupata tero palestina,
por la okupanta israela ŝtat'
du hispanoj koncertis
– Sabina kaj Serrat.

[el la poemaro *En la profundo*]

**PREMIOJ AL JORGE CAMACHO**

Jorge Camacho gajnis premion "Luigi Minnaja" por plej bona eseo, en la Belartaj Konkursoj de UEA 2013 pro sia verko "De hajko al hajko". Jorge ricevis ankaŭ de UEA Diplomon pri Elstara Arta Agado "pro kontribuo al la originala Esperanto-literaturo".

[1]**Joan Manuel Serrat (1943) kaj Joaquín Sabina (1949), resp. kataluna kaj andaluza (poem)kantistoj.**
[1] **mojosa**: **"m**oderne **j**un**s**tila", bonega, moderna ktp (angle kaj france "cool", hispane "guay").

## L'espero

En vestaĵo fantazia
kunportante novan senton,
alproksimiĝas l'espero.
Mi bezonas nur peceton
da konfido kaj kontento
kaj se eblas,
la kareson de la vivo,
kaj rideton de l'amiko,
kaj brakumon de pasio,
kaj se eblas,
ho ve, Dio!
nur por kaŝi mian timon,
ĉielan blankan mantelon.
Sed, mi timas
ke la espero
preterpasos,
kaj mi restos
elpensante
novan revon.



## Ĉe la rojo

Ĉe maldekstra flanko de la rojo,
tuŝ-apude, sur herbejo,
flaras ni kun sopira sento,
amon veran kaj pasian.
Sub pinarbo, kun frenezo
ŝvebas plumo fantazia,
kaj petola pasereto,
por ornami sian neston,
kaptas ĉi valoran pecon.
Gapas mi la tutan tempon,
kun la flaro al la vento,
la pasion sur herbejo
kaj bonguston de pasero,
kiu prenas ornamaĵon
por la nesto.
Ĉe maldekstro de la rojo
via koro kaj la mia
ĝuas belegan momenton.



## Sago venena

Sago venena,
mortigu min
ĉi momente
por ke mi sentos
la morton
kaj forgesos
mavan sorton.
Mortigu min
kun kareso...
Poste,
kun energi'
kaj prudento,
restarigu
mian forpasintan korpon,
ĝis kiam mia destino
pri mia vivo decidos
ĉu kun la viv'
aŭ kun la mort'



Ángel Arquillos

Poemoj aperontaj en mia dua Poemaro.

# Revolucia antologio

**Miguel Fernández denove impresas nin**

La kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda kiu disvolviĝis en Madrido en tiu ĉi somero, lasis al la kulturo de Esperanto aparte allogan kulturan frukton, kiun HEF intencas diskonigi ne nur inter siaj anoj kaj simpatiantoj, sed ankaŭ en la ĝenerala esperantista movado, kaj eĉ inter la literaturemaj rondoj en Hispanio. Temas pri la antologio de tradukoj de poezio, ĉefe el hispanlingva origino kaj revolucia kaj engaĝita karaktero, kiun Miguel Fernández kompilis, sub la titolo "Poezio: armilo ŝargita per futuro".

La libro, eldonita de SAT-en-Hispanio, enhavas poemojn de multaj el la plej bonaj verkistoj de la literaturo en Hispanio dum la 20-a jarcento. Ĉefaj inter ili estas la poetoj de la Generacio de 1927, kiel Federico García Lorca, Rafael Alberti, Dámaso Alonso, Vicente Aleixandre, Emilio Prados, Manuel Altolaguirre, Jorge Guillén aŭ Carmen Conde. Poetoj de la sekvaj generacioj, kiel Miguel Hernández (kiun nia Miguel jam estis tradukinta kun vervo en antaŭaj okazoj), Pedro Garfias aŭ León Felipe. Poetoj universalaj kiel Pablo Neruda aŭ Eduardo Galeano. Poetoj verkintaj en Hispanio dum la diktaturo, kiel Gabriel Celaya, Blas de Otero, Ángel González, José Agustín Goytisolo aŭ Jaime Gil de Biedma. Nuntempaj poetoj popolaj kiel Marcos Ana, José Antonio Labordeta, José Luis Sampedro aŭ Chicho Sánchez Ferlosio. Kaj multaj aliaj poemoj, kelkaj tradiciaj kaj eĉ anonimaj, el la popola kulturo.

La granda plejmulto de la tekstoj estis tradukitaj de Miguel Fernández, sed kelkaj versioj apartenas al Fernando de Diego aŭ Jorge Camacho, kaj en la laboro kunlaboris aliaj verkistoj de la Ibera Skolo. La pecojn akompanas klera kaj kompleta enkonduko, verkita de Miguel mem, kaj granda kvanto da notoj kun biografioj pri la aŭtoroj, kaj klarigojn pri cirkonstancoj de la poemoj aŭ pri iuj aludoj malfacilaj por eksterhispaniaj legantoj. Temas entute pri pli-ol-350-paĝa libro, bone bindita kaj klare kompostita, rekomendinda por ĉiulandaj kaj ĉiulingvaj esperantistoj, kaj eĉ montrinda kaj propagandinda en publika informado.

La grupoj kaj individuaj esperantistoj povas mendi la libron rekte al SATeH, ĉe la adreso libro-servo@gmail.com. Ankaŭ HEF disponos pri ekzempleroj en sia sidejo. **Toño del Barrio**

# PERSONAJ IMPRESOJ PRI LA UK EN REJKJAVIKO




Por partopreni en la nunjara Universala Kongreso de Esperanto, okazonta en la plej norda eŭropa ĉefurbo, aro da hispanaj gesamideanoj, per diversaj flugoj, atingis Rejkjavikon. Krom ili, en la Kongreso partoprenis geesperantistoj el ĉiuj kontinentoj, estante japanoj la plej multnombraj, sekvate de la franca samideanaro. Kurioze estas ke la nombro de kongresanoj el la gastiganta lando similis al tiu de hispanoj.

La 20an de julio, sabate, pluraj tabloj estis pretaj en koridoro de la modernstila kongresejo Harpa, por ke diversaj landaj, fakaj, regionaj esperantistaj asocioj kaj aliaj prezentu al la publiko ilian agadon, pere de afiŝoj, informiloj, revuoj, bultenoj k.c. Inter tiuj estis komuna tablo de Hispana Esperanto-Federacio kaj de Esperanta Jura Asocio, zorgata de Angel Arquillos, Vicprezidanto de HEF kaj Rafaela Urueña, Prezidantino de EJA.

Ambaŭ informis la interesitojn pri la du asocioj kaj pri la aranĝoj organizotaj venontjare, ĉefe la Hispana Kongreso de Esperanto, okazonta en Arundo.

Dimanĉe, kun ĉeesto de la tuta kongresanaro, estraro de Universala Esperanto- Asocio, prezidate de Probal Dasgupta, diplomatiaj reprezentantoj kaj la Alta Protektanto de la Kongreso, Prezidento de Islando, s-ro O. Ragnar Grimsson, okazis la solena inaŭguro, dum kiu s-ro Grimsson mem salutis al la kongresanaro en nacia lingvo, kun traduko al Esperanto.

Kune kun aliaj mesaĝoj, oni legis tiun de Ludoviko Zaleski-Zamenhof. Unu el la plej ŝatataj eroj de la inaŭguro estas la salutoj de landaj reprezentantoj, inter kiuj, nome de Hispanio, salutis la Vicprezidanto de HEF, Angel Arquillos.



**Rafaela, Lola kaj Angel laborante dum la movada foiro (foto L Hernández**


Prezidanto de Islando salutante dum la inaŭguro de la Kongreso.

Cento de gekongresanoj partoprenis en la Ekumena Diservo, okazinta en la luterana katedralo de Rejkjavik, kiu staras en la centro de la urbo, gvidate de katolika pastro kaj de pastoro Berveling, kie oni preĝis por la paco kaj unueco de kristanoj. Posttagmeze, mi ĉeestis tre interesan prelegon pri la violono, kadre de la Internacia Kongresa Universitato, fare de s-ro Larsson. En sia prelego, abunde ilustrita per klasikaj komponaĵoj en kiu violono ludas ĉefan rolon, li rakontis pri la historio de tiu ĉi muzikilo, komencante per klarigo de la kordaj instrumentoj: violono, aldo kaj ĉelo.

Dum la lastaj UK fariĝis tradicie la nomataj "klerigaj lundoj", dum kiuj lertaj kaj entuziasmaj esperantistoj el diversaj landoj prelegetas pri la plej variaj temoj. Ĉijare, mi partoprenis en du el ili, unu de s-ro Jasuo, rilate utilizado de Esperanto kaj alia pri *Esperanto kaj interreto* fare de Peter Baláz. Dume, aliaj kongresanoj partoprenis en aliaj prelegetoj okazintaj laŭlonge de la mateno.


Sro Jasuo el Japanio dum sia paroladeto (foto L Hernández

Marde okazis pluraj aranĝoj, sed en tiuj mi ne ĉeestis, ĉar tiun tagon, interalie, mi dediĉis al la konatiĝo de la urbo, partoprenante en turisma vizito aranĝita de la Kongreso mem, vizitante la plej interesajn vidindaĵojn de la urbo, kiel la Perlo, ekde kies teraso oni ĝuas belan vidaĵon de la urbo, Höfði, kie en 1986, kunsidis la ŝtatestroj de Sovetunio kaj Usono por mildigi la malvarman militon, finante per vizito al la Nacia Muzeo.

Vespere, membroj de Societo Zamenhof estis akceptitaj de la estraro kaj membroj de la Centra Oficejo de UEA en la pinto de la kongresejo. Post tiu agrabla akcepto, ni iris al Salono Zamenhof kie ni vidis teatraĵon de Kafka titolita "Terura sonĝo" bone ludata de ĉeĥa teatrensemblo RUR.

Merkredo, dum la UK estas dediĉata al ekskurso, por konatiĝo de la gastiganta lando, konsekvence, la kongresejo ne funkcias, kaj la kongresanoj ne partoprenantaj la oficialajn ekskursojn, profitas por viziti la urbon.

Jaŭde, mi ĉeestis la kunsidon *CO respondas*, kiu prezidis ĝia Ĝenerala Direktoro S-ro Osmo Buller, akompanate de la tuta teamo, krom la prizorganto de libroservo. En la kunsido, la ĉeestanta publiko demandis pri aferoj rilatantaj al la agado de la CO kaj de la Kongreso mem, ĉefe pri problemoj rilantantaj al la loĝado.

Posttagmeze aktivuloj de la internacia esperanta movado estis akceptataj ĉe la urbodomo de la vicurbestrino, kiu havis la ĝentilecon saluti nin en Esperanto kaj regali nin per ŝaŭma vino kaj kuketoj.


Bonaero, kie okazos la venontjara kongreso

Unu el la plej vizitataj programeroj estas tiu de venontjaraj UK, kie ĉiu ĉeestanto vidis filmojn kaj aŭdis informojn pri la venontaj UK, tiu de Bonaero en 2014 kaj tiu de Lillo (Francio) en 2015, kiu estos la 100a Universala Kongreso.

Poste mi partoprenis kunsidon de Eŭropa Esperanto-Unio, kie la vicprezidantino Flory Witdoeckt parolis entuziasme pri la diversaj agadoj de EEU kaj pri la venontjara Eŭropa Kongreso okazonta en Rijeka (Kroatio) de la 6-a ĝis la 12-a de julio 2014. Mi finis la tagon, vidante teatraĵon de Georgo Handzlik titolita "Ne lasu min sola", ludata de li mem akompanate de Ŝasa Pilipoviĉ.

Sabate, la tuta kongresanaro kunvenis en Salono Zamenhof por solena Fermo de la Kongreso. Prezidate de la ĵus elektita UEA-Prezidanto S-ro Mark Fettes, la diversaj estraranoj informis pri la plej diversaj programeroj, diskonigis la liston de esperantaj asocioj kaj individuaj membroj premiitaj en diversaj konkursoj, kaj reprezentanto de la UK en Rejkjaviko transdonis la esperantan flagon al la reprezentantino de Argentina Esperanto-Ligo, en kies ĉefurbo, Bonaero, okazos la venontjara UK.

Dum la Fermo oni legis tre interesa rezolucion de la kongreso, en kiu partoprenis 1034 esperantistoj alvenintaj el 25 landoj.

Dum la kongressemajno, plurfoje kunsidis la komitato, en kiu, nome de HEF aktivis s-ro Angel Arquillos, kiel anstataŭanto de la oficiala komitatano s-ro Augusto Casquero.

Pluraj kaj diversaj kunsidoj okazis aranĝitaj de diversaj fakaj asocioj, inter ili, mi mencios tiun de Esperanta Jura Asocio, prezidate de nia samideanino Rafaela Urueña. Amuzaĵoj kaj koncertoj ne mankis dum la semajno, kiel tiuj de Teresita Alániz, pianludistino; Sara Su Jones, violonludistino, kaj la muzika paro Ĵomart kaj Nataŝa, kiuj ege plaĉis al mi.

Ni esperas ke la ĵus elektita estraro gvidu aktive kaj sukcese la tutmondan laboron favore al la disvastigo de Esperanto.

**L. Hernandez**

# IMPRESOJ PRI ISLANDO

Nia redaktoro, Ángel Arquillos, petis min iomete babili pri miaj personaj impresoj dum la lasta UK en Islando. Jen do.

Iom pli ol mil esperantistoj partoprenis la 98an Universalan Kongreson en Rejkjaviko fine de la pasinta julio. Kiel kutime okazas en UK, estis plenpleno da aktivaĵoj, prezentoj kaj prelegoj, tiel ke oni devis elekti inter bunto da samtempaj ebloj: Siren-kante vin atendis jen esperantologia konferenco, jen prelego pri lingvistiko aŭ pri la historio de la kongreslando, jen pied-ekskurso tra la urbo aŭ pli longa bus-ekskurso al turisma loko, jen libro- kaj aŭtor-prezentoj, jen paroligaj lecionoj, jen koncertoj, teatraĵoj, filmoj, forumoj, kunvenoj, solenaj fermoj kaj malfermoj, komitatoj kaj subkomitatoj por vegetaranoj, blinduloj, biciklantoj, instruistoj, etnistoj, ĵurnalistoj kaj ajnistoj... Jen do tipa UK tiuflanke.

Tamen aliflanke la kongreso ne estis tipa ĉar la homa panoramo estis malkutima. Laŭ trafa rimarko de mia long-data amiko Rafa Blanco, ĝenerale la kongreslando alportas grandan nombron da junuloj kaj komencantoj. Kontraste, en ĉi tiu proksimume mil-homa kongreso, islandanoj estis nur dudeko, eble trideko. Kaj mankis preskaŭ komplete gejunuloj. Ĉe la plej gravaj programeroj, mi ofte sidis sur la unua aŭ dua etaĝo de la ĉefsalono, kaj sub miaj okuloj etendiĝis vasta maro da blankharaj kapoj. Kaj la posedantoj de tiuj kapoj kredeble estis bonfartuloj, ĉar Islandon oni atingas preskaŭ nur fluge, kaj aldone ĝi estas altkosta turisma lando.

Apartan dankon meritas artistoj kaj organizantoj. Se mi ne eraras, homoj artantaj en UK preskaŭ ne enspezas aŭ tute ne ricevas monon. Ili kantas, dancas, eventuale instruas kaj prelegas senpage, eble pro la nura plezuro sperti la ŝaton de la publiko. Kaj la kongres-organizantoj —supozeble tiu dudeko-trideko da islandaj kongresanoj plus kelkaj UEA-funkciuloj— certe faris enorman fortostreĉon por ĉion prepari per tiom magra hom-forto. Gratulegon, ĉar la kongreso fluis senprobleme, almenaŭ de la vidpunkto de eksterulo kiel mi.


Komuna foto apud la Kongresejo

Bedaŭrinde, oni vere ne povus diri ke la lingva nivelo de la islandaj esperantistoj estas alta. Mi ĉeestis prelegojn far pluraj islandanoj, kaj lingvaj eraroj eble ne abundis, sed certe ankaŭ ne mankis. Kaj tute same direblus pri la lingva nivelo ĝenerale en la kongreso: Ne tro alta. Ial iel mi ekvidas min jam ekster la ĉefa fluo de Esperantujo, kaj eble tial kelkajn aferojn mi ne tro bone komprenas, tamen estus utile pripensi kial esperantistoj ne pli bone scipovas sian lingvon. Nu, mi supozas ke temas pri kompenso, t.e. ne necesas vere regi la lingvon por havi kontentigan internacian komunik-kapablon. Sed tio estas nur hipotezo.

Plie kaj pluse, eble pro ia profesia misinfluo, mi ne povis ne atenti lingvajn erarojn ĉirkaŭ mi — kaj aparte lingvajn erarojn de akademianoj. Kompreneble, eblis aŭskulti akademianojn ne nur en la publika sesio de la Akademio, sed ankaŭ en diversaj prelegoj. Kaj facilis aŭdi strangaĵojn. Jen iu akademian(in)o parolis pri "*interferenco*"; alia parolis dufoje pri "*metodologistoj*"; plia menciis ankaŭ dufoje sian "*specializon*"; kvara ne sciis " de kiam tio *datas*""; kvina membras en asocio "*ekde* 24 jaroj"... Kaj ankoraŭ plu: "Mi *domaĝas* al vi aŭskultadon de la sanskrita"; "Ili pensis ke la mondo devas alpreni la japanan lingvon, sed *momente* tio estas malfacila"; "tiu projekto estis *reĵetita*"; "mi devis lukti *kun* la komputilo"... Sufiĉas, ĉu ne? Bone komprenu tamen: Ĉi tio ne signifas ke niaj akademianoj fuŝe parolas esperanton; tute ne, verdire preskaŭ ĉiuj parolas tre bele kaj tre flue, sed fojfoje dormetas eĉ Kalocsay...

La lando mem estas interesa kaj pensiga. Jen insulego malproksima de aliaj teroj kiu estis efektive izolita ĝis antaŭ jarcento. Ie mi legis ke tiam Islando estis la plej malriĉa popolo en Eŭropo, sed ĝi poste faris grandan salton. El la pluraj prelegoj pri Islando, mi eksciis ke homoj vivtenas sin ĉefe per fiŝkaptado, eksportado de energio (varm-akva) kaj ankaŭ per turismo: Lando de iom pli ol 300.000 loĝantoj akceptas ĉiujare ĉ. 800.000 turistojn. La ekskursan tagon mi povis vidi la akvofalon de Gullfos, eble ne aparte impona, tamen jes belega kaj altira; kaj ankaŭ la gejseron Strokkur, tute rekomendinda. Kaj la akvofalo kaj la gejsero kaŝas ion praan kaj nefacile difineblan. Cetere, la naturo en Islando estas stranga, abundas hela verdo kaj malabundas arboj: La rezulto estas ja kurioza.



Akvofalo de Gulfos



Miaj plej ŝatataj programeroj, tute subjektive, estis la prelegaro pri Islando (frua historio, nordia koloniado, islanda literaturo...), speciale tiu pri la islanda kulturo vidata de eksterlandano far Siru Laine; la bonega prezentado de argentinaj dancoj far Teresita Alaniz; kaj la publika sesio de la akademio, kiun mi neniam antaŭe partoprenis. La publiko rajtis demandi, tamen nur skribe kaj dum la unuaj minutoj de la kunveno; poste la prezidanto laŭtlegis la demadojn kaj akademianoj respondis laŭplaĉe. Plej saĝe inteligentis la respondoj de Otto Prytz, kaj mi tre ŝatis ankaŭ la lingvan sintenon kaj la perfektan esperanton de Brian Moon, kiu alikunvene gvidis bonegan laborgrupon pri tradukado. Kaj laste sed ne lasta, ni ne forgesu la bonegan libroservon, granda kaj altira ĉambro plenplena de legotaĵoj, kie plurfoje tage okazis la ĉarmaj *aŭtoraj duonhoroj*.

La homa panoramo provizis agrablajn surprizojn. Mi ne nur renkontis kelkajn malnovajn geamikojn, sed ankaŭ ekkonis plurajn interesajn homojn, kun kiuj mi vespere kuntrinkis bierojn en tre agrabla urbocentra trinkejo, kie oni rajtis je rabato montrante la kongreskarton. Krome, mi havis la honoron konatiĝi kun s-ro Fabrizio Pennacchietti, dank' al kies artikoloj en *Horizonto* mi vere klare komprenis la lingvan strukturon de esperanto, kaj kun s-ro Kitagawa Hisasi, kiu nesupereble esperantigis multajn poemojn de Tanikawa Shuntaro, la plej multe legata nuntempa japana poeto.

Antonio Valén

---

Solvoj:
- "*interferenco*" > *interfero*.
- "*metodologistoj*" > *metodologoj*, *metodologiistoj*, eventuale *metodikistoj*.
- "*specializon*" > *specialecon* aŭ pli elegante kaj esperante, simple *fakon*.
- " de kiam tio *datas*" > de kiam tio *datiĝas*.
- membras en asocio "*ekde* 24 jaroj" > membras en asocio *depost* 24 jaroj aŭ tute simple kaj klare, membras en asocio *de* 24 jaroj.
- "Mi *domaĝas* al vi aŭskultadon de la sanskrita" > Mi *ŝparas* al vi aŭskultadon de la sanskrita.
- "Ili pensis ke la mondo devas alpreni la japanan lingvon, sed *momente* tio estas malfacila" > sed *provizore* tio estas malfacila.
- "tiu projekto estis *reĵetita*" > tiu projekto estis *rifuzita*, eventuale *ne estis akceptita*.
- "mi devis lukti *kun* la komputilo" > mi devis lukti *kontraŭ* la komputilo.

# SAT kongresis en Madrido

Iom pli ol 100 membroj kaj nemembroj de SAT partoprenis ĝian 86-an Kongreson en Madrido, kiu okazis de la 28-a de julio ĝis la 4-a de aŭgusto sub la devizo "Esperanto: taŭga ilo por sociaj luktoj". La organizantoj estis plejmulte anoj de SATeH (SAT en Hispanio, memstara, sed kun SAT ligita asocio, kiu agadas tiulande).

La politika radikaleco de SAT estis pli perceptebla dum ĉi tiu kongreso ol pli frue – la *Internacio*, kantita de grupo inkluzivanta anojn de la koruso Interkant' komence kaj fine de la kongreso, tion emblemas. Spureblas en SAT ankaŭ kreskanta kolektiva optimismo – post malfacilaj jaroj, en kiuj SAT staris antaŭ financa klifo. Ankaŭ la politika spektrolarĝo etendiĝas per la pliaktiviĝo de la Ekologia Frakcio kaj la Vegetara Sekcio – kiuj kunvenis ĉi-kongrese apud aliaj SAT-frakcioj, la sennaciista, komunista kaj liberecana, kaj ankaŭ la Poresperanta Fako, sekcio, kiu okupiĝas pri la informado direktata al la ekstera publiko pri Esperanto kaj SAT.

Ĉi-foje oni disponis aparte taŭgan kongresejon, komfortan studentan domon en la universitata kvartalo, kie oni kune loĝis, manĝis kaj disponis taŭge ekipitajn salonojn, en malfacilega momento trovitan post la subita malebliĝo uzi la antaŭe planitan. Apartan laŭdon ricevis de multaj kongresanoj la organizantoj, kiuj faciligis kontaktojn kun simildirekte agantaj lokaj neesperantistoj, dum ili prizorgis akuratan disvolviĝon de la kongreso, kies programeroj pli abundis ol en kelkaj pasintaj jaroj. Mankis kvin komoranoj kaj du malianoj, al kiuj la hispana ambasado resp. la franca konsulejo rifuzis vizojn.

En 2011 la sarajeva kongreso proponis krei artan fakon en SAT, kaj kvankam la formaligo de tio daŭre restas plenumenda tasko, viglas artaj agadoj kaj kadre de SAT kaj ekster ĝia kadro de SAT-anoj en kuneco kun aliaj - kiel la menciita Interkant', gvidata de Franjo Leveque. La kultura flanko de ĉi tiu kongreso estis eksterkutima: unu vesperon aperis mallonge la indignula koruso Solfónica, kies scenejo estas plej ofte la stratoj kaj placoj, kie la sistemkontesta publiko protestas kontraŭ la nuna ŝtata politiko de fiska rigoro. Ankaŭ Jomo dancigis la kongresanojn dum tuta vespero. *Jomo* estas la artista nomo de Jean-Marc Leclercq, multlingva kantisto el Toulouse (Francio) kaj unu el la plej konataj Esperanto-kantistoj. La vespera spektaklo "Vivu la teatro!" surprizis ĉiujn per la komedia kaj deklama talento de surprize granda nombro de kongresanoj. En alia tago Miguel Fernández abunde kaj verve deklamis el sia nova libro *Poezio: armilo ŝargita per futuro*, kolekto de socie engaĝita, revolucia poezio eldonita de SATeH (SAT en Hispanio).


**Peĉakuĉaj momentoj**


Ana Manero deklamas

Salutis la kongreson homoj kaj grupoj, kun kiuj SAT-anoj havas rilaton: interalie la poeto kaj aktivulo en la Unuiĝinta Maldekstro (Izquierda Unida) Luis Garcia Montero, la disktrikta federacio de Bais Llobrega de CGT, la Komisiono pri internacia solidareco de la Industriaj Laboristoj de la Mondo (IWW), la Laborista Kunordigantaro (COS) kaj Alan Woods de la Internacia Marksisma Tendenco (IMT) kaj Eduardo Larrouy (Grupo Esperantista de Bilbao). Kontaktiĝo kun hispaniaj politikaj aktivuloj, grava en la nun streĉa socia-politika situacio en Hispanio, okazis en aranĝoj kiel podia diskuto ("Esperanto ekster Esperantujo – Simpatio al Esperanto ĉe alternativaj komunikiloj") inter hispaniaj aktivuloj de la gazetoj *Tierra y Libertad*, *Germinal*, *CNT*, *Estudios* kaj de la traduk-reto Tlaxcala (http://www.tlaxcala-int.org/). Dum unu ekskurso granda grupo de kongresanoj vizitis la anarki-sindikatistan sindikaton CNT. Du membroj de tiu senhierarkia, senfunkciula sindikato, Irene, Sekretariino pri Gazetaro kaj Komunikado de la Loka Federacio, kaj Alfredo, de la Sindikato de Instruado de la LF, klarigis ĝian funkcimanieron. En alia tago Tonyo del Barrio prelegis hispanlingve por eksteraj vizitantoj pri Esperanto kaj SAT.

Plago de la esperantista komunumo estas vizaj barieroj, kiel kiel la ĉi-foje spertitaj, kiuj malfaciligas aŭ malebligas al homoj el granda parto de la mondo veturi al la plejparte eŭropaj landoj, kie la esperantista vivo koncentriĝas. SAT interesiĝas pri la pli larĝa kunteksto, landlimaj barieroj kaj migrado ĝenerale. Unu vesperon projekciiĝis la filmo *Mondcivitanoj* en ĉeesto de la reĝisorino Natalia Román kaj aktivulo de movado kontraŭ polica ĉikanado de senlegitimilaj enmigrintoj. La filmo montras kaj per prezento de diversaj vidpunktoj reflektas la situacion de enmigrintoj en Hispanio. En ĝi Pedro Sanz, aktivulo de SATeH, prezentas la sennaciismon al la hispanlingva publiko. Preskaŭ fine de la kongreso venis informo, ke en Moskvo okazas amasarestoj de eksterlandanoj. Ambaŭ aferoj rezultigis du alineojn en la kongresa Deklaracio, kiuj "gratulas la agantojn kontraŭ policaj ĉikanoj direktataj al senlegitimilaj enmigrintoj kaj alvokas la EU-ŝtatojn, kiuj membras en la Frontex-sistemo, ĉesigi la ĉikanojn" kaj "energie kondamnas la en Moskvo kaj aliloke okazantajn amasarestojn de enmigrintoj kaj postulas ilian ĉesigon".

En pliaj punktoj la Deklaracio tuŝas ekologion, la hispanan 15M-movadon, la notindan fakton, ke nuntempe oni emas "en liberecanaj kaj aliaj maldekstraj medioj uzi Esperanton kiel identecan signon, interalie per situigo de la lingvo en kolofonoj kaj artikolresumoj, kaj ekuzo de la lingvo en plurlingvaj retejoj". Menciinda, ĉar temas pri reviviĝo de malnova tradicio de la anarkiista-liberecana medio. La kontraŭhierarkia, antaŭfigura politika fono de Esperanto ricevas rekonon en tiu medio eĉ ĉe multaj, kiuj mem ne lernas ĝin. Ekzemplas la ne de esperantistoj organizita, sed esperantlingve nomita Anarkiisma Somera Tendaro aŭ la retejo www.anarkismo.net.


Sub arbo kun bona ombro

La laborkunsidoj devis dediĉi multe da tempo al du zorgodonaj malsufiĉoj en la aktuala SAT-agado. Unue, la ne plu laŭorda eldonritmo de *Sennaciulo* (la principe dumonata organo de SAT) evidentigas, ke necesas fortikigi la redaktan skipon kaj aktivigi pli da verkemuloj en la membraro. Dum la kongreso oni faris kelkajn paŝojn tiudirekte – kaj oni vidos dum la venonta jaro, ĉu ili sufiĉis. Due, oni devis konstati, ke lamas precipe (sed ne nur) la anglalingva informado pri Esperanto kaj SAT. Pri nacilingva informado okupiĝas kaj SAT mem kaj la LEA-oj (memstaraj lingvoregionaj resp. landaj asocioj, kontrakte ligitaj kun SAT). Malvigliĝis SATEB, la brita LEA. La kongreso rezoluciis, ke la Plenum-Komitato estigu "la teknikan bazon de retpaĝaro celanta informi ne-esperantistojn pri SAT, komencante laŭeble per informado en la angla". Kvankam la LEA-oj ne estas "filioj" de SAT kaj mem havas la finan decidrajton, kongresanoj sugestis pristudi la eblon rekonstitui kelkajn el ili laŭ la lingvoregiona principo. Tio koncernas precipe la britan SATEB kaj la hispanian SATeH, nun landaj asocioj, sed potenciale agadpovaj en la tutaj mondregionoj anglalingva kaj hispanlingva. Tio restas ne ĝisfine eldiskutita.

La kongreso rezoluciis ankaŭ, ke "la PK [Plenum-Komitato] studu kiel oportune liberigi la datumojn de PIV, kiam la kondiĉoj permesos". Kio estas PIV? Temas pri la *Plena Ilustrita Vortaro* [= nacilingva traduko], la plej ampleksa Esperantlingva difinvortaro, eldonaĵo de SAT. Nuntempe la vortaro ne estas disponebla kiel tutaĵo elektronike, kvankam registritaj uzantoj ĉe http://vortaro.net/ povas aliri la enskribojn po unuopaj notvortoj.

La agado de Eldona Fako Kooperativa de SAT (SAT-EFK) povas pli kontentigi. Aperis finfine, kvankam kun ĝena malfruo, la longe atendita filmo *Esperanto* de Dominique Gautier, kiun SAT-EFK financis. Kongresanoj spektis ĝin apreze kaj ekplanis ĝian disvastigon. Montrinda estas nova bildrakontaro de Serĝo Sir': *BoRoKo – Bildaj Resumoj de Klasikaĵoj*, volumo de bildstrie rerakontitaj klasikaj verkoj. Ambaŭ vendiĝis en la libroservo kune kun pluraj aliaj novaj eldonaĵoj de SAT-EFK.

Nekutime valoraj estis la ekskursoj dum tri postkongresaj tagoj. La lunda ekskurso, "Vojaĝo al la Mezepoko" gvidita de vera fakulo, Félix Rodrigo Mora, kondukis al ĉirkaŭmadridaj lokoj ekster la ordinara turista itinero. Partoprenis ankaŭ kelkaj neesperantistaj simpatiantoj. Oni ekkonis lokojn ligitajn al la tiel nomata *consejo abierto* (malferma konsilio) kaj la forua leĝaro, la komunuma reĝimo, la interhelpaj sistemoj, la popola romanika arto, pli ĝenerale pri la fluso kaj malfluso de tolerado en la mezepoko, la tiama religieco, la klasbatalo esprimiĝanta en la kontestado inter la konsilioj kaj la reĝeco. De Felix Rodrigo Mora venis ankaŭ eseo pri "Novaj sociaj movadoj: evoluo kaj perspektivo – Serĉe de vojo al la Integra Revolucio", legebla en la retejo de SATeH.



**Komuna foto**

Vegetaranoj kaj veganoj faris sin pli rimarkeblaj ĉi-jare – kaj ilia agadmotivo atingis la Gvidrezolucion (oni "ĝojas, ke ĉi-jare ĉiu kongresano povis manĝi laŭ propra dieto, kaj bonvenigas la pretecon de la Vegetara Sekcio helpi organizantojn de ontaj Kongresoj pri planado de ekvilibraj manĝoj"). La aktiviĝo de la Vegetara Sekcio vidiĝis en la frakcia kunveno, kiu diskutis interalie la neceson de baza deklaro, kiu klarigas kial vegetarismo legitime radikas en progresemaj, maldekstraj medioj. SAT ĉi-rilate fluas kun la tajdo, t.e. partoprenas socian evoluon multlande observatan.

En aliaj rilatoj SAT – oni esperas – antaŭiras la ceteran socion: per sia penado maksimume praktiki la rektan demokration, kio konkretiĝis dumkongrese en kvin malfermaj tutmatenaj laborkunsidoj, kie traktiĝas ĉiuj aferoj de la Asocio, kaj per sia kontraŭhierarkiemo, kiu inklinigas lasi spacon por novuloj en dumkongresaj funkcioj. Ankaŭ, kaj ne laste, per sia nediskriminacia lingva elekto. Interne de SAT uziĝas nur Esperanto. Kiel ajn etskale, SAT hodiaŭ, kiel ĉe ĝia fondiĝo, klopodas "kvazaŭ embrie funkciigi societon, kiel povos estonte funkcii la universala socio".

**Gary Mickle**

# NEKROLOGE

Hieronymus Stroinski el Leizpig, longjara esperantisto kiu partoprenis la lastan SAT-kongreson en Madrido, mortis la 9an de Septembro post malfacila kor-operacio en malsanulejo. Li, tre maljuna, kaj sia edzino, Monika Stroinski, alvenis per trajno al Madrido por partopreni sian lastan esperanto-eventon. Pro tio ili ambaŭ, eĉ ne estante SAT-anoj, kontribuis al la realigado de la kongreso. Ripozu pace.

# 86a SAT-KONGRESO EN MADRIDO: ARTAJ ARANĜOJ

Unu monaton post la ferma sesio de la 86a SAT-Kongreso plue karuselas miakape kaj miakore homoj, travivaĵoj, vibroj... Kia kongreso! Kiaj kongresanoj! Pli ol cento da homoj el la kvin kontinentoj. Apartiĝinta en fora apenaŭ ebla vilaĝeto de la andaluza marbordo, sen ret-aliro, provizita per libroj kaj muziko... kaj la ĉi-tiea luno kukurbo-kolora kaj eterna, mi rememoras plej plaĉajn bildojn kaj ne volas ankoraŭ "surteriĝi"... Kiom da vivo!



Gran Vía de Madrido

Ia strangra speco de Stokholm-sindromo igas min sopiri al kongresaj zorgoj, laboroj, aktivado... Por doni respondon al tia malkvieto, mi okupiĝis pri traduko de nova verko, pri kiu mi informos vin siatempe. Ĉu ne bela frenezaĵo? Mi scias, ke por kelkaj el miaj kompanoj el la organiza teamo temas ne pri Stokholm-sindromo, sed pri vera neceso plenumi la postkongresajn aferojn, kelkfoje multe pli temporabajn ol la dumkongresaj. Mi pensas pri Pedro Sanz, la kompano, kiu ofte kaj kompetente flegas libroservojn kadre de niaj renkontiĝoj kaj kongresoj. Nu, li prenis sur siajn ŝultrojn la leonan parton, la kunordigon, de tiu internacia evento. Titana penado, kiu vidis sin kronita per sukceso. Nun li plue laboregas mastrumante la sekvojn de tiu sukceso. Mi volas kapti la okazon por publike gratuli kaj danki lin.

Alia el la programeroj, kiuj kontentigis min kiel responsulon pri artaj kongresaĵoj kaj enorme plezurigis min kiel simplan spektanton, estis la prezentado far *JoMo*. La nekredebla *JoMo*! Dum, proksimume, du horoj li vigle kaj senlace plenigis la scenejon per siaj kantoj kaj sprito, per sia rara scipovo kontakti la publikon, palpi ties pulsadon, igi ĝin partopreni, transigi al ĝi tutan universon da ĝojaj vibradoj, envulti ĝin. Kvazaŭ nuna "ratkaptisto de Hameln", li sukcesis nin levi el la sidlokoj per sia muziko. Kaj ni staris dance. Kaj ni formis homan ĉenon da dancantoj, kiu atingis la scenejon, ĉirkaŭiris la salonon, disiĝis, rekuniĝis... kaj jen ĝi refoje sursceneje kaj tiel plu.

Kiel OKK-ano pri artaj aranĝoj, mi volas esprimi mian dankon al ĉiuj e-istoj (multaj el ili HEF-anoj), kiuj, respondante al mia voko, aliĝis kiel diversfakaj artistoj al la dua versio de la kolektiva spektaklo *Vivu la teatro!* (la unua havis lokon en Almagro, kadre de la 71a HEF-Kongreso). La entuziasmaj aplaŭdoj, per kiuj la publiko premiis la belajn kaj, multfoje, nesuspekteble brilajn ludadojn de niaj kompanoj; la kvanto da gratulmesaĝoj ricevitaj; la peto, ke mi aranĝu novan version kadre de la venonta SAT-kongreso en Dinano (Francio)... ĉio ĉi tiel kor-karesa eblis nur pro la kunagado de kunlaboremaj samideanoj, multaj el kiuj ne imagis sin kun arta talento kapabla feliĉigi ilin mem kaj la aliajn. Kaj ĉio ĉi signifas, ke ni troviĝas sur pluirinda vojo.


JoMo

Mi konfesu, ke, ĝenerale, mi ne ŝatas rok-muzikon. Ke la unuan fojon, kiam mi ĉeestis koncerton de *JoMo*, kadre de la pasinta 72a HEF-Kongreso en Zaragozo, mi havis antaŭjuĝojn. Kaj ke tiujn la franca rokisto sciis venki per sia arto. Kaj mi ĝojas pri mia tiama ĉeesto, ĉar ĝi ebligis al mi rekoni en li homon kapablan elstare roli kuntekste de internacia evento kiel la madrida SAT-kongreso, kiun tiutempe ni preparis.

La kongres-dato ja baris la partoprenon de interesaj ensembloj kiel niaj konataj *Kvaropo Sinkopo* kaj *Plektr-orkestro "Calle del Barquillo"*, kiuj certe ĝuintus la aprobon kaj eĉ la entuziasmon de niaj SAT-anoj. Ĉe la varmaj rigoroj de la madrida aŭgusto, ĉiu madridano nefreneza kaj kapabla fuĝi marborden, tion faras (ja por trasuferi pli teruran, humidan, varmon). Nur homoj tuŝataj de mirindaj frenezoj kiel la nia restas, eĉ se ili povus forveli marborden (ja por trafi de Scilo al Ĥaribdo).


Vinko Markovo kantas kun Kvaropo

Multaj membroj de la orkestro kaj ĥoro nomata *Solfónica* tielas. *Solfónica* ŝprucis kiel arta branĉo de la madrida indignula movado (15M-movado)[1] kun la celo uzi la muzikon kiel socian batalilon. Ĝi spekteblas en manifestacioj, eldomigoj de krizo-suferantoj sen rimedoj por pagi la hipotekan ŝuldon, ĉe bankoj fraŭdantaj honestajn civitanojn... en aranĝoj kun denunca, depostula aŭ revolucia karaktero. Neniam ĝi koncertas nur por koncerti. Tion spite, antaŭ pluraj monatoj mi min turnis retmesaĝe al la homoj de *Solfónica* kaj invitis ilin ludi niakongrese. La mesaĝo ne trafis ilin. Nur kiam la kongreso estis jam komencinta, mirinda *Solfónica*-anino simpatianta al nia afero povis transigi mian inviton al la kompanoj kaj sen trea peno sukcesis konvinki ilin, ke esperanto havas depostulan karakteron, ĉar ĝi batalas por la egaleco de ĉiuj lingvoj kaj kulturoj.




**Kongresejo**

**La Solfónica koncertas en Madrido**

[1]15-M: hispana maniero referenci la daton "15a de majo".

La plejmulto el la pli ol cent membroj konsistigantaj la ensemblon feriis for de Madrido. Dudekkelkaj el la ĉi tie restintaj jesis al nia propono kun grandaj simpatio kaj intereso. Nenion ĉi-prian ni anoncis. Ni volis surprizi la kongresanaron. Por la prezento de *Solfónica* ni elektis la programeron "Esperanto ekster Esperantujo. Simpatio al Esperanto ĉe alternativaj komunikiloj", hispanlingva debato kun sinsekva tradukado majstre farita de Jorge Camacho, kie partoprenis reprezentantoj de la gazetoj *Tierra y libertad*, *Germinal*, *CNT* kaj *Estudios* kaj de la internacia tradukreto *Tlaxcala*.

En iu momento dum la disvolviĝo de la debato, neatendite aperis en la aŭditorio la *Solfónica*-dirigento perviolonanta la unuajn taktojn de la fama *Zorongo*, hispana tradicia kanto kolektita kaj harmonizita de García Lorca. Tuj poste muzikistoj kaj kantistoj komencis ensaloniĝi en du vicoj, po unu sur ĉiu flanko, kaj sin turnis al la scenejo muzikillude kaj kante. La debatantoj kaj la publiko gapis. Multaj homoj eklarmis. Mia najbaro sur la apuda sidloko, franca junulo, montris al mi, kiel li ricevis anseran haŭton el la emocio. Kiam niaj amikoj finis la kanton, tondris aplaŭdoj. Sed kiam mi sursceniĝis kaj klarigis pri kio kaj pri kiuj temas, la ejo bolis de manplaŭdoj. Ankaŭ de la aprobaj mangestoj tipaj ĉe la voĉdonoj de la hispanaj indignuloj. Tiele, diverslandaj kongresanoj priomaĝis la bravajn junulojn tendumintajn sur la Sun-Porda Placo en majo 2011.

Sekvis la renoma *Canto a la libertad* (Kanto al la libero), de la karmemora José Antonio Labordeta, *Grândola Vila Morena* (Grândola Urbeto Bruna), de la portugalo José Alfonso, emblemo de la portugala Dianta Revolucio, kaj *Los Miserables* (La mizeruloj), fragmento el samtitola muzikalo. La prezento apoteozis per kantado de la anim-rava *L'Estaka* (La paliso), de Lluís Llach, en la kataluna. Petite de *Solfónica*-anoj, du el la debatantoj kaj mi mem aliĝis al la koruso kaj kunkantis. Kia privilegio! Kiel kunfandiĝis mia printempa paseo plena de promesoj kun ĉi nuno certe ne sena je esperoj**!**



**Du optimismaj ĉeestantoj**

La fakto, ke Franjo Leveque, gvidantino de la fama muzik-ensemblo *Interkant'*, partoprenis la kongreson, konstituis veran luksaĵon pro ŝia ĉarma personeco kaj ŝia fervoro al la muziko. Kadre de *Vivu la teatro!* ŝi prezentis du grupojn de kantistoj, inter kiuj troviĝis niaj Pedro Vilarroig kaj Manolo Pancorbo. Kaj en la nokto de la 31a de julio, ŝi improvizis artan programeron surbaze de fragmentoj de la *Interkant'*-spektaklo *Ĉirkaŭ Karmena* kaj de bretonaj kantoj kaj dancoj.

Mi substrekas, ke la plejmulton el ĉiuj ĉi prezentoj kaj multajn aliajn programerojn vi povas spekti parte aŭ tute ĉe la jutub-kanalo starigita de SATeH, la laborista E-asocio organizinta la kongreson: [www.youtube.com/user/satehejo]. Kaj ke vi povas tion fari dank' al la superba laborego realigita de nia plurtalentulo Liven Dek.

Mi ne povus fini ĉi pasian rememoradon sen esprimi mian plej profundan dankon al la kompanoj de SATeH, kiuj per sia ĉiama apogo al mia propono ebligis la aperon de mia libro *Poezio: armilo ŝargita per futuro*, komentita antologio de hispanlingva poezio kontestema, engaĝiĝinta, socia kaj revolucia, kiel unu el la ĉefaj realigoj de la kongreso. Kia honoro kaj kia responso! Al la amikoj, kiuj ĉeestis mian prezenton de la libro kaj per sia varma akceptemo vekis mian internan andaluzan koboldon (neniam mi forgesos la anim-karesajn vortojn de Terezija Kapista ĉe la fino: "ĉeestinte ĉi programeron, mi sentas min plena de la hispana spirito". Kia honoro kaj kia responso!). Al la multaj amikoj, kiuj persone kaj mesaĝe esprimis al mi gratulojn. Al la multaj amikoj, kiuj aĉetis la libron ĝis tioma grado, ke jam nun SATeH pensas pri eventuala dua eldono... Kia honoro kaj kia responso!

Miguel Fernández

---

**KORESPONDO/INTERSANĜO**

Aleksander Martínez Agüero 31-jara
Deziras korespondi kun esperantistoj por praktiki la lingvouzon de Esperanto.
Mia intereso estas intersanĝi paperleterojn, bildkartojn, poŝtmarkojn kaj veran amikecon. Mi ŝatas trovi verajn korespondamikojn per retpoŝto kaj papere.
Hobioj: Legi, skribi poemojn, leterojn, fari esperantajn eksposiciojn, prlegado Esplorado, ktp

Mia retposto estas: alexander@embergrm.alinet.cu
Mi estas membro de UEA, ILEI, SAT.

Karaj geamikoj,

Bonvolu sendi gratulajn kaj kuraĝigantajn poŝtkartojn el viaj landoj al miaj gelernantoj.
Nun mi gvidas E-kurson en Kostariko. Mi havas kvin gelernantojn.
La kurso estos dum ok semajnoj. Ĝi finiĝos la 26-an de oktobro 2013.
La adreso por sendi la poŝtkartojn estas:

Guido Hernández /Kurso de Esperanto.
Apartado postal 517-2050
Montes de Oca, San José.
COSTA RICA.

